BULTENO de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista
IFEF



Sekretariejo: Ortellusstraat 108/II, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,

JARO 8a – No. 6
AŬGUSTO 1956

## PROTOKOLO DE LA LABORKUNSIDOJ DE LA 8a KONGRESO

Precize je la 9a la 15an de majo, la prezidanto de IFEF s-ro Stapel bonvenigis la ĉeestantojn, kaj memorigis la amikojn, kiuj jam ne partoprenas niajn kongresojn. En la pasinta jaro ni perdis pro morto nian pioniron E.Erikson en Svedio, Bizetti kaj Maxini en Italio, G.Hinz kaj E.Schelling en Germanio. Ni honoru ilin staranta per kelkminuta silento.

En kelkaj landoj nia situacio ne estas tute klara. En Italio la ŝanĝo de la estraro, kaj ankaŭ la laboro por la U.E.A.-kongreso kaŭzis iom da stagno. En Anglio ne estis progreso pro grava malsano de la gvidanto, sed certe la situacio pliboniĝos, ĉar en ĉiuj landoj ni havas fidelajn kunlaborantojn.

Unue la membrolistoj devas esti kontrolitaj, ĉar hodiaŭ ni ne povas doni la precizan membronombron. Proksimume ĝi estas 1800.

Ni povas konstati ke IFEF bone vivas. Multaj organizoj okupas sin pri nia Federacio.
En Hungario kaj Pollando ni nun havas unu membron. En Bulgario tuta grupo volas aniĝi. En Turkio ni penas atingi ion pere de ne-fervojisto. En Japanio kaj Usono ni havas 2 anojn. En Aŭstrio kaj Jugoslavio la landaj rondoj nun eldonas bultenon.

Nia sekretario ricevis ekde januaro 200 poŝtaĵojn kaj jam forsendis 100. Ankoraŭ ne envenis sugestoj pri nova estraro. Estas necese ke vi pripensu la aferon, ĉar ni eksiĝos en 1958. La kasisto jam estas pensiumita kaj la aliaj ankaŭ ne plu estas junaj.

Rilate la propagandon ni povas esti kontentaj. En ĉiuj landoj oni agas laŭpove. En la daŭro de nia ekzisto ni jam multe pritraktis.

La prezidanto laŭdas la belan kongreslibron. Ĝi montriĝas la vigleco de nia organizo. Faru propagandon ĉiom kaj ĉie.

Post tiuj malfermaj vortoj li donis la parolon al la sekretario por voĉlegi la salutleterojn. Envenis 30 leteroj kaj telegramoj per kiuj montris sian simpation al nia movado:

La Direkcioj de la Franca, Germana, Saarlanda kaj Svisa Fervojoj; la

Fervojistaj Sindikatoj de Aŭstrio, Germanio kaj Nederlando; la Redakcioj de Heroldo de Esperanto kaj de la Aŭstria Sindikata Organo; de 21 kolegoj el Orient-Germanio; de la Fervojistaj Esperantistoj el Plzen kaj Deĉin (Ĉeĥoslovakio); de la IFEF-membraro en Aŭstralio, Belgio, Britio kaj Usono; de la grupo en Glasgow; telegramo de la Bulgaraj Fervojistaj Esperantistoj; leteroj de niaj amikoj en Verona, Hungario, Italio, Nederlando, Aŭstrio, Germanio kaj Ĉeĥoslovakio, kaj de la estrarano Hoen, kiu ĉijare ne povis partopreni la kongreson.

Al ĉiuj instancoj, grupoj kaj unuopaj sendintoj nia sekretario esprimas la sinceran dankon de la estraro.

La raportoj pri la Zuricha kongreso estis akceptataj sen rimarkoj. La raportoj de la sekretario, kasisto kaj redaktoro estis akceptataj post klarigo de la nederlanda delegito pri la sinteno de la kaskontrolanto s-ro Vermaak. Ia negrava kverelo inter Vermaak kaj kasisto Biesheuvel estis la kaŭzo ke Vermaak ne deziris kontroli la federacian kason.

La sekvinta punkto estis la Kongresregularo.
La projekto de la Svisa Rondo estis pritraktata artikolon post artikolo kaj - iom ŝanĝita - akceptita de la kongreso.
Kiom eble plej baldaŭ ĝi estos sendita al ĉiuj anoj, kiel aldono al unu el la sekvontaj Bultenoj.

La estraro proponas ke ankaŭ ĉijare la kotizo restu la sama kiel en la antaŭa jaro. Ĝi donas la parolon al la nederlanda delegito por klarigi la starpunkton de FERN, kiu deziras duonigi la kotizon por pensiumitoj. Post iom da diskuto la propono de la ĉefestraro estas akceptita, ĉar la kotizo jam estas tre malalta.
Soderegger (Svisio) apogas la proponon de Gefa por limigi la nombron da oratoroj kaj la paroltempon, sed opinias ne-eble, ke reprezentanto de unu sindikato parolas ankaŭ nome de alia sindikato.

Burger (Austrio) subtenas la opinion de Sonderegger. Giesner (Germanio) ankaŭ samopinias, sed ni devas plibonigi la solenan malfermon. Pro tro multaj parolantoj, la honora vespero perdas sian signifon. Li opinias pli bone ne traduki la paroladojn. Ragnar (Svedio) sugestas traduki nur tion, kio havas propagandan valoron.
La sekretario Lok opinias ke ne estas eble precize limigi la parolantojn, sed samopinias ke ni devas trovi solvon por eviti ke la grava vespero fariĝas enuiga.

F-ino Lemonnier (Francio) sciigas ke en Francio nur kelkaj parolas en la honora vespero. Sonderegger proponas mallongigi la tradukojn. Ragner proponas ke la delegitoj parolu en laborkunsido. Giesner deziras ke por ĉiu lando nur unu parolas kaj nur la plej gravajn paroladojn oni traduku.

La kongreso decidis lasi al la L.K.K. la aferon. Nur oni zorgu ke la solena malfermo ne farigu teda.
S-ro Burger defendas la kreon de modela kongreslibro, kiel Gefa proponis. Sonderegger opinias ĝin ne necesa; devas esti diferenco laŭ lando. Giesner opinias ke tio ŝparas al L.K.K. multe da laboro.
Hoh (Saarlando) ne vidas la neceson, la kongreslibro nur estu taŭga.

La kongreso akceptas la proponon kun unu voĉo kontraŭ.
Redaktoro de Jong diras ke la akcepto de la propono postulas ke ni elektu membron, kiu faras la modelan kongreslibron. Li proponas Giesner. Giesner akceptas la taskon kaj petas, ke en ĉiuj landoj la estraro demandu al la anoj, kion devas enhavi la kongreslibro. Ili kolektu ĉion kaj sendu tion al Giesner antaŭ la mezo de septembro. Gefa senkoste sendos la projekton al ĉiuj landoj.

Giesner klarigas la proponon de Gefa kiu celas krei *Centron de Informo ĉe la IFEF-estraro*. Burger estas por tiu aranĝo, kondiĉe ke la sciigoj estu aktualaj. Lok ricevas ofte eksterlandajn gazetojn kun artikoloj interesaj por IFEF. Li petas marki tiujn ofte valorajn artikolojn per ruĝa krajono.

F-ino Lemonnier proponas doni de tiuj artikoloj resumon. La propono estas akceptita.

De Jong sugestas ke la landaj rondoj eknomu respondeculon, kiu kolektu kaj sendu la materialon al la Redaktejo.

Sekvis la punkto: *eldoni apartan kongresinsignon por kongresanoj, kiuj ne parolas Esperanton*.
Tiu propono ŝajnas al la estraro danĝera. Divido ĉiam estas malbona. Neniu ŝatas porti la signon de malkapableco.

F-no Lemonnier ĝojas ke la ĉefestraro estas kontraŭ tiu propono. La tasko de gvidanto estas helpi la ne-bone parolantojn.
Giesner reprenas la proponon de *DEFA*.

La jam en la antaŭa kongreso pritraktita propono pri infanrenkontiĝojestis la sekvanta punkto.
Giesner klarigas la proponon. Infanrenkontiĝo celita en la antaŭa kongreso montriĝis neebla. Nun li proponas ke estu infanrenkontiĝo en kultura domo. Almenaŭ 5 aŭ 6 el nia organizo kunlaboru. Oni bezonas la helpon de la Sociala Organizo. Li parolis kun la estro de tiu organizo en Germanio. Tie estas, en belega regiono, domo en kiu estas loko por 30 infanoj. Inter la infanoj estu 3 aŭ 4 kiuj parolas Esperanton, por instigi la aliajn. Li petas pristudi la planon.

Hoh (Saarlando): La landaj delegitoj esploru la planon kaj sendu siajn sciigojn al s-ro Giesner por publikigi.

F-no Lemonnier: Nia rondo jam en Zurich konsentis pri la propono kaj pri tio jam skribis al Socia Servo. Ne en tiu ĉi jaro okazu la renkontigo. Ni devas trovi helpantojn. Sed ni estu singardaj. Ne estas bone klopodi ce la Administracioj, se ni ne povos realigi la aferon. La landaj rondoj sendu proponojn al s-ro Giesner.

La prezidanto avertas ke unue ni mem ellaboru iun konkretan planon. Giesner proponas tuj post reveno en la hejmo esplori kun s-ro Rummel la aferon. Li sendos cirkuleron al la landaj rondoj. Se ekzistas la ebleco de subteno en iuj landoj, oni sciigu tion al Giesner.

F-no Lemonnier parolas pri spertoj en Francio.
Giesner petas ke oni ensendu proponojn al li antaŭ julio; la reprezentantoj eventuale ĝis aŭgusto. Ankaŭ kiam oni ne povas efektivigi konkretan kunlaboron, oni tamen skribu. La landaj organizoj akceptu la respondecon. La propono estas akceptita.

Pri la sekvanta punkto: La vojaĝanta Ekspozicio, la prezidanto sciigas ke la gvidanto s-ro De Bruyne ne ĉeestas kaj sendis tre malfrue leteron. Li proponas prokrasti la pritraktadon ĝis la ĉeesto de s-ro De Bruyne. Sekretario Lok sugestas ke oni eknomu en ĉiuj landoj respondeculon. Ni venas en embaraso, ĉar De Bruyne jam skribis al U.E.A. sed ni nun ne povas fari ion alian ol prokrasti la aferon.

Olson (Svedio) skribis al de Bruyne, sed ricevis post du monatoj la respondon ke li ne venos. Ne estas eble nun solvi la problemon.

La kongreso akceptis prokrasti ĝis la sekvonta kongreso.

Estrarelekto. La tuta estraro estas kun forta aplaŭdo reelektita.

Kaskontrola komitato. La estraro proponas elekti Labordus el Utrecht v.Leeuwen el Utrecht kaj Boelmans el Bodegraven. La kongreso akceptas.

Konfliktkomitato. La komitato restas la sama, do: Hartjen, Germanio Thorsted, Danio kaj Bouwkamp, Nederlando.

Dibbets (Jugoslavio) invitas la kongreson en 1957a en Rijeka.

La congreso kun forta aplaŭdo akceptas.

Brandstrub (Danio) invitas provizore la kongreson en 1958a en Aarhus. Aplaŭde akceptita.

Sekvis la Libera Diskutado.

Hoh (Saarlando): En ĉiu lando oni sendu resumon pri kongreso al gazetoj.

F-no Lemonnier varme parolas pri la posedaĵo de la francaj esperantistoj *Gresilon* kastelo en bela regiono. Ŝi demandas ĉu en la landoj oni faris propagandon por vizito al la kultura domo, kaj petas denove propagandi.

Pri ekspozicio de infandesegnoj ŝi diras ke en Francio en Lion ni povas disponi pri bela salono por la ekspozicio, sed ĝis nun envenis nur 15 desegnoj. Denove ŝi petas en la diversaj landoj klopodi atingi rezultaton kaj kolekti la desegnaĵojn. Estas necese havi desegnojn el diversaj landoj kaj ankaŭ ekspozicion en Parizo. Post oni povas sendi la materialon al aliaj landoj. Francio faris multe da propagando ĉe gravaj instancoj kaj ricevis helpon de tiuj flankoj. Respondeculoj estas informitaj pri teknika terminaro kaj sekvas kun granda intereso niajn klopodojn. F-no Lemonnier estis invitita en estrarkunveno de F.I.S.A.I.E. Tiu kunveno decidis pritrakti Esperanton en ĝenerala kunveno.

Hartjen (Germanio) laŭdas la L.K.K. kaj kaptas la okazon danki la svedan popolon por la helpo dum mizera tempo.

Brandstrub (Svedio) dankas la ĉefestraron por la bona laboro, kaj speciale la sekretarion Lok, kiu diversfoje helpis solvi problemojn.

Redaktoro De Jong memorigas ke la estraro deziras eksiĝi en la kongreso en Aarhus. Dum la U.E.A.-kongreso oni aranĝu IFEF-kunvenon en Kopenhago. Ĉar tie ĉeestos diverslandaj IFEF-aktivuloj, oni priparolu la aferon kaj klopodu trovi novan estraron por IFEF.

La estraro ĝojas ke dum la kongreso Esperantistoj servas en la vagonaroj kaj dankas la danan rondon por la klopodoj.

Sekretario Lok petas kolekti la rezultatojn kiujn oni atingis en la landoj dum la ekzisto de IFEF, kaj sendi ĉion al li.

Burger (Austrio) varme invitas la ĉeestantojn al la feria semajno en Vieno en septembro.

La prezidanto respondante la parolintojn rekomendas la sugeston de Hoh kaj instigas ke oni sendu resumon pri nia kongreso al la Sindikataj gazetoj. Li opinias kun f-ino Lemonnier ke Gresilon estas grava kultura centro de la Esp-movado, por kiu ankaŭ ni propagandu.

Pri la infandesegnoj: en ĉiu lando oni faru sian eblon. Ke F.I.S.A.-I.C. petis raporton pri la kongreso estas por ni pruvo ke oni en tiu medio rigardas nian laboron serioza.

Ni venis al la fino de la laborkunsido kaj baldaŭ transiros al la fakaj prelegoj, sed antaŭ tio mi ŝatas sciigi al vi ke la Sveda Fervojista Sindikato ne nur donis gravan subvencion, sed - kio estas pli grava ankaŭ montris plenan intereson pri niaj laboroj, ĉar dum la tuta kongreso la sindikato liberigis sian ĉefestraranon Oscar Blomquist, kiu dum la tuta kongreso ĉeestis, kaj sekvis kun granda intereso la paroladojn. Ankaŭ la estro de la Germana Sociala Organizo s-ro Rummel dum la tuta kongreso estis inter ni.

Nun la prezidanto petas al kolego De Jong transpreni lian taskon dum la fakaj prelegoj.

Post la fino de la bone vizititaj kaj interesplenaj prelegoj prezidanto Stapel fermis la kongreson jene:

Ni estas al la fino de la sukcesplena kongreso. Jam en Zurich ni ĝojis, ĉar ni jam tiam estis certaj pri denove bonorganizita kongreso. Kaj la faktoj superas nian supozon. Kore povas danki L.K.K. por la multa laboro, kiun ili nelacigeblaj faris por nia faka movado.

La ĝenerala situacio estas bona. Ni povas esti kontentaj pri la faritaj laboroj kaj la aktiveco de niaj anoj. La mondsituacio ne plu estas tiom streĉa ol antaŭe. Paca tempo estas por ni favora, kaj ni esperas ki iom post iom ni havos adeptojn ankaŭ en la orientaj landoj.

Kiam ni komparu nian modestan kongreson kun gravaj kunvenoj internaciaj, en kiuj oni eĉ post tradukoj ne komprenis unu la alian, ni rajtas konstati ke nia kongreso montras la vojon kiun la homaro devas iri.

Propagandu kaj propagandadu. Puŝu antaŭen nian movadon kaj streĉu viajn fortojn por la fina akceptado de nia lingvo.

Mi deklaras la kongreson fermita.

Raportis E. Drijfhout.

## LA FAKAJ PRELEGOJ POR 1957

La rektorato por la fakaj prelegoj elektis por la venonta kongreso jenan temon:

### LA ENVICIĜO EN SALAJROGRUPOJ KAJ LA EBLOJ DE AVANCADO

La celo estas kompari la salajron kaj la envicigon en salajrogrupoj de funkciuloj, kiuj, havante proksimume la seman lernejan instruon, labo-

ras en la diversaj fakoj aŭ servoj de la fervojo.
En la rapo̶rtoj oni komparu:
1. la salajrogrupoj de la revojistoj kies lerneja instruo finiĝis post la plej alta klaso de la elementa lernejo, ekzemple:
metiista helpanto, stacia laboristo, manovristo, trakisto, konduktoro ktp.
2. la grupoj kiuj ricevis iom pli vastan lernejan instruon en daŭriga elementa lernejo aŭ en faklernejo, ekzemple:
metiistoj, asistantoj en stacioj, kontoroj kaj oficejoj, elektristoj, lokomotivistoj, ktp.
3. la grupoj kiuj finstudis en reala lernejo aŭ mezgrada teknika lernejo ekzemple:
staciestroj, teknikaj oficistoj, inĝenieroj ne havantaj universitatan diplomon, pli altrangaj oficistoj en kontoroj kaj oficejoj, ktp.
4. En la raportoj oni aldonu ĝis kia grado la funkciuloj el la diversaj grupoj povas avanci, kaj ĉu estas eble transiri el iu salajrogrupo al pli alta.
Por povi bone kompari la grupojn oni menciu la maksimuman kaj minimuman salajron de la apartaj grupoj kaj ankaŭ de la universitatuloj.

La landaj estraroj elektu kompetentulon por prepari la raportojn, kiuj antaŭ la unua de decembro estu sendataj al la redaktoro de Bulteno. (4 ekzempleroj).
Por detalaj informoj; vidu Bulteno-n de junio 1956 kaj la nova kongres regularon.
Eventualaj rimarkigoj, sugestoj aŭ kritikoj pri la supra temo kaj arranĝo oni sendu plej baldau al la redaktoro de Bulteno.

La rektorato por la fakprelegoj.

## PROPAGANDO !!!

*La Germanaj Federaciaj Fervojoj daŭrigas la aplikon de Esperanto:*

En *Fernfahrplan* por la somero 1956a ni trovas sur paĝo 6a klarigojn ĝeneralajn kaj sur paĝoj 2-3 atentigojn por eksterlandaj pasaĝeroj en nia lingvo *Esperanto*. Kun tre granda ĝojo ni do konstatu certgradan sukceson de la pasintjara eksperimento. Tiu ĉi horareto pri longdistancaj komunikoj sendube estas en la manoj de dekmiloj da turistoj diversnaciaj, al kiuj la Germanaj Federaciaj Fervojoj deziras bonan kaj agrablan vojaĝon sed krome eviton de malfacilaĵoj pro la lingvodiverseco.

Krom la Germana, Franca kaj Angla lingvoj nun ankaŭ Esperanto estas aplikata por informadi, plej perfekte la vojaĝantan publikon. La fervojistaj esperantistoj arde esperas, ke iliaj samideanoj nefervojistaj subtenu ĉi tiun sukceson per dankskribo al la Germana Fervoja Direkcio. Tre konata proverbo estas: * Se unu ŝafo transiros la ponton, la aliaj sekvos.* Ju pli da Fervojaj Direkcioj inmitos la germanan ekzemplon des pli facile la fervojistoj povos montri la praktikan utilon de Internacia

lingvo. Tiurilate la fervojistoj jam turnis sin al la Internacia Unuiĝo Fervoja (U.I.C.).

Ke la apliko de nia lingvo * Esperanto* en Fernfahrplan 1956 alportu tion al la Germanaj Federaciaj Fervojoj, kion ĝi esperas antingi per ĝi. Sendube la vojaĝanta Esperanto-parolanta publiko estos tre danka pro la faciligoj, kiujn la Germana Federacia Fervojo prezentas al ĝi.

En Liverpool nia kolego Walter Stowell proponis en kunveno, ke oni starigu Esperanto-kurson por la anoj de la sindikatoj menciitaj de N.C.L.C. Oni tuj konsentis kaj la kursoj komenciĝos en Septembro.
La salonon pagos N.C.L.C. kaj nia tre aktiva kolego Stowell helpos la lernantojn. Malgraŭ nia kolego estas lingvo-miraklo kaj scipovas multajn lingvojn li ĉiam plenenergie propagandas Esperanton. Lia korespondado estas tiom ampleksa, ke li eldonu privatan Bultenon por respondi al ĉiuj geamikoj. Al S-ro W. Stowell ni sendas nian gratulon pro la sukceso starigi kursojn en la sindikatoj kaj dankas lin sicere pro la aktiveco sur nia tereno.

Unika estas sendube la fakto, ke unu el niaj eŭropaj membroj faras propagandan paroladon pri IFEF en Usono. Tio tamen okazis en Los Angles, kie nia nederlanda amiko Roel Damen paroladis en la tiea grupo.
Vizitante siajn infanojn, nia kolego Damen kaptis la okazon dum la unujara restado en Usono interkontaktiĝi kun samideanoj.

Post la alveno en San Francisco hejme de la infanoj la sekretario de IFEF petis al kolego Damen reprezenti nian IFEF-on en eventuale vizitotaj grupoj, transdoni la salutojn de la IFEF-membraro kaj agi kiel vojaĝanta propagandisto de IFEF, samtempe aldonante kelkajn adresojn inter kiuj tiun de nia IFEF-membro Bill Harmon en Los Angles.
Tiu ĉi lasta afable invitis la geedzojn Damen kaj gastigis ilin en sia hejmo. Roel Damen vizitis kelkajn klubojn kaj proponis, ke la lokaj esperantistoj kunigu kiom eble plej da samideanoj por fari paroladon pri IFEF. Sabate la 12an de majo okazis la kunveno kun 40 partoprenantoj, inter kiuj gravaj Usonaj esperantistoj kiaj Joseph Scherer, la gesinjoroj Chomette kaj gesinjoroj Kalmar. La raporto pri la vizito al Los Angles de niaj geamikoj Damen, kiun S-ro Bill Harmon poste sendis al nia sekretario, ne donas duban impreson. La vizitado ĉe ni estis granda ĝojo por mi kaj miaj edzino kaj tri filoj sed krome grava pruvo de la efikeco de Esperanto..... pruvo tre bezonata ĉi tie en Usono.

Ke ni povu gastigi pli da vizitontoj kiaj Roel kaj Anni Damen dum la venontaj jaroj, tiel S-ro Bill Harmon finis sian raporton.
Koran dankon al Roel Damen pro la bonega propagando por nia IFEF sed ni ankaŭ ŝuldas sinceran dankon al la geedzoj Harmon pro la gastameco, kiun ili donis al nia vojaĝanta propagandisto Damen.

## GRAFOLOGAJ ERAROJ

### KIAM MANSKRIBO ESTAS UZATA KIEL KAŬZO JE DUNGADO

La grafelogio, la scienca metodo por esplori la rilaton inter man-

skribo kaj karaktero, estas en la lastpasintaj jaroj uzita por konstati, ĉu homo estas taŭga por ofico, kiu postulas specialajn kvalitojn.
Ĝojige estas, ke tio montras kreskantan komprenon, kaj ke la oferado de la tempo, sisteme uzata por dungado de oficistoj, estas bone aplikita. La elekto en si mem ne povas esti tro zorge. Kaj ĉiuj povas konsenti, ke la ĝusta viro por la ĝusta ofico estas unu el la kondiĉoj por alta efektado, laborkapacito, bona kunlaboro kaj kontentaj kunlaborantoj.
La malsukceson pro erara dungo de homoj ĉiuj konas kaj krom tio ankaŭ la problemojn, kiuj estas la rezultatoj de tio.
La persona impreso pri iu oficpetanto povas esti perfida. Ĝi atestas nenion pri la kvalitoj de la petanto, eĉ ne pri la karakterecoj. Estas ja nature, ke oni klopodas fundamenti la personan impreson dum la interparolo pri dungo per ekz.: kontrolado de rekomendoj, lerneja kaj ekzamena atestoj, fari psikoteknikajn kaj praktikajn eksperimentojn, se tio estas intencinda. Je oficoj en alta plano oni komencis apliki la grup-psikologan elektmetodon, kaj krome oni nun utiligas altgrade la grafologion.
Kiam la grafologio estas rimedo en la elekto, kaj aplikata laŭ sama singardeco kiel ĉiu alia elektteknika helprimedo, la grafologia ekzameno povas supozeble havi ian valoron por kompletigi la bildon kiun oni alimaniere kapablas formi pri la aspiranto, se oni samtempe atentas, ke vere objektiva elektmetodo ne ekzistas.
Sed la raviĝo pro la *nova rimedo* ŝajnas esti kreinta la imagon, ke jen estas certa, rapida kaj ekzakta ilo por elekti kunlaborantojn. Multe da grafologoj mem kulpas. Pro tio estas kaŭzo por averti pri tia troigita imago.
Al multaj firmaoj turnis sin grafologoj proponante sian asiston je elekto de oficistoj. En tio nenia malbono! Dubema oni fariĝas kiam la grafologo dum interparolo tentiĝas - eble kiel taŭgargumento - esti esprimanta sin pri la karaktero de iu persono post nur kelkminuta analizo de manskribo-provo, kiun li ricevis trans la tablon.
Ne povas esti sufiĉe akcentate ke tia agmaniero estas science nepravigebla kaj en la daŭro domaĝas la grafologion kiel psikologian analizmetodon, sed pli malbone astas: kiom da malfeliĉo kaj kiom da domaĝo povas kaŭzi tia senskrupula ludado per homsortoj.
Alia flanko de la problemo: la tasko de la grafologia metodo estas: difini la karakterizon de la skribinto kaj montri la favorojn kaj mankojn, positivajn kaj negativajn ecojn de ties karaktero. Sed ne forgesu, ke tiu objektiva karakterizo, kie ĝi estas plej bona, denova estas jugata subjektive, kio estas homeca; sed absolute ne korekte plie atenti la negativajn ol la positivajn flankojn de la menciitaj karaktertrajtoj. Se - kiel ekzemplo - la petanto, laŭdire de la grafologo, atentigas pri sia memstareco kaj sendependeco, estas tio temperamenta koncepto, ĉu oni en tio vidas signon pri nekapabla povo por kunlaborado, memregemo aŭ granda karakterforto.
La grafologio povas ankoraŭ ne difini la diversajn karaktertrajtojn ĉe iu persono en la diversaj ŝtupoj aŭ gradoj.

Tiuj entreprenoj, kiuj hodiaŭ postulas manskribitan petskribon, por la celo akiri grafologian karakterizon, devas memori, ke respondecaj grafologoj atentigas, ke skribprovo, kiu estas farita laŭ la scio, ke grafologo ekzamenos ĝin, ordinare malpli valoras, ĉar la skribmovoj en tia okazo preskaŭ ĉiam fariĝas pli konsciaj.

Alia demando estas, ĉu estas laŭleĝe permesate sendi la manskribon de iu aspiranto al grafologia ekzameno sen ties permeso?

Tiu artikolo ne estu koncepata kiel agnosko de la grafologio. Sed estas kaŭzo por atentigi ke la grafologio ankoraŭ estas evoluonta kaj ke ĝis nun ne estas faritaj sufiĉe da ekzaktaj ekzamenoj, laŭ kiuj oni sur vasta hommaterialo statistike esploris la rilaton inter skribtrajto kaj karaktero. Multe da ekzemploj montras ke la grafologio povas esti valora je esploro de psika strukturo de homo. Tial estus domaĝo, se la grafologio malfamigus pro mizuzo kaj malsago.

Laŭ *Principal og Medhjalper*
tradukis Jico.

## LA STRASBURGA ESPERANTO-EKSPOZICIO

Ekde kiam Srasburgo estis elektata kiel kunvenejo de la Eŭropo-konsilantaro, ĉirkaŭas internacia sfero tiun ĝis nun ne tre viglan urbon.

Tie kolektiĝas regule la reprezentantoj de eŭropaj ŝtatoj por proponi komunajn programpunktojn por siaj registaroj. La vojo de tia rekomendo estas longa, eble tro longa ankaŭ al la Esperantistaro, kiu havis la ŝancon stari en la mezpunkto de la tiea diskuto meze de aprilo.

Kio okazis? Dank'al la senlaca streĉa laboro sukcesis transporti de Montevideo la ĉefparton de la ekspozicia materialo, por ke la membroj de la Eŭropo-konsilantaro mem informu sin pri la vivanta internacia lingvo. Antaŭiris propono instigita de kelkaj fervoraj Esperantistoj, laŭ kiu diversaj nacioj prove enkonduku Esperanton en difinitajn lernejojn.

La 14an de aprilo kunvenis samideanoj al 10 landoj por ĉeesti la solenan malfermon de la ekspozicio. La senlaca organizinto s-ro Ferez ĝojis saluti elkore la kunvenon, inter ili multaj interesitaj gastoj. Per imponaj frazoj scipovis allogi la ĉefsekretario de U.E.A. d-ro Lapenna la atenton de la aŭskultantoj akcentante ke tiu laŭŝajne modesta elekto tamen demonstras okulfrape ke Esperanto estas vivanta lingvo kun riĉa leteraturo. Varmajn salutvortojn trovis ankaŭ la diversaj reprezentantoj de la urbo kaj stato. Ili substrekis la necesom de la solvenda lingva problemo ĉe la Europo-konsilantaro.
Apartan aplaŭdon ricevis ankaŭ la aŭstra delegitino, kiam ŝi promesis plene kantoj akompanis la solenan malfermon.

La ekspozicio difenenciĝis grave de la abundo de similaj aranĝoj tiutempe. En multaj vicoj prezentiĝis nia riĉa literaturo kaj gazetaro el la tuta mondo. Ĝin subtenis statikistoj pri la kreskanta membraro, libronombro kaj vortonombro. Kie la okuloj laciĝis pro la abunda mate-

rialo, altiris la intereson de la ĉirkaŭrigardantoj afiŝoj multkoloraj kaj allogaj. Brilis evidente la internacieco, pri kiu en tiu domego oni pli ofte parolas ol agas.

Pri la lingvaj malfacilaĵoj la esperantistoj informis sin, kiam ili vizitis la salonegon de la Eŭropo-konsilantaro, kies ĉiuj segoj enhavas aŭdilojn uzeblajn por la 4 oficialaj lingvoj.

Ĉu estas necese akcenti ke inter la samideanaro regis la kutima harmonio? Oni manĝis kune-kun kaj amuziĝis.

Sabatvespere aŭdiĝis dankvortoj pro la bonega organiza laboro kaj ankaŭ skeptaj rimarkoj rilate al baldaŭa realiĝo de la eksperimenta instruado de Esperanto. Dimance posttagmeze trovis la esperantistaro kaj nombraj anoj de la Eŭropo-ideo por demonstri la komunan penson de la internacieco.

Intertempe, la 21an de aprilo okazis antaŭ la Eŭropo-konsilantaro vigla debato. La voĉdonado estis sen findecida rezulto pro egalnombro de la voĉoj por kaj kontraŭ. Tial oni prokrastis ambaŭ aferojn - la instruadon kaj la petskribon de U.E.A. pri Konsultaj Aranĝoj - ĝis la venonta sesio en oktobro 1956.

Estas nia tasko veki kaj konservi la por-esperantan intereson ĉe la Eŭropo-konsilantaro ĝis tiam.

(Verkita de Willi Barnickel, Frankfurt (M)
Tirolerstrasse 2, Germanio).

## LA KONSTRUADO DE LA SIMPLONTUNELO

Kiam en septembro 1936a nia vojaĝsocieto en la stacio Brieg (Svisio) eniris la ekspresan trajnon al Milano por veturi tra la Simplontunelon ni ne povis imagi kiom da laboro kaj inspiro postulis la traborado kaj konstruado de la nomita tunelo. Ni nur povas memori la longdaŭran mallumon (malgraŭ la sunbrilo en nia kupeo regis la nokto, ĉar la elektra lumo - eble ĝi estis difekta - ne funkciis) kaj la imagon ke la tunelo povus disfali pro la bruego de la vagonaro.

Antaŭ mi kuŝas priskribo en kiu oni povas legi la malfacilaĵojn kaj la maloportunaĵojn dum la konstruado de la tunelo.
Ĝi estas longa 19730 m, do preskaŭ 20 km kaj etendiĝas de la stacidomo Brieg ĝis la stacidomo de Domodosola, la komenco de la Itala Mediteranea fervojo.

El ĉiuj traboroj tra la Alpoj ĝi estas la plej malalta. Ĝia plej alta punkto situas ankoraŭ 450 m pli malalta ol tiu de la St.Gotthardtunelo kaj 600 m sub la nivelo de la Mont Cenistunelo.
Tio klarigas la longecon de la Simplontunelo.

Komence de aŭgusto 1898a la firmao Brandt Brandaŭ kaj kompaniano komencis la laboron kaj la 24an de februaro 1905 la laboristoj al la svisa flanko renkontis siajn kunlaborantojn al la itala flanko proksimume en la mezo de la tunelo.

Malgraŭ diversaj ŝanĝoj kiujn oni faris en la direkto de la tunelo, la devio de la aksoj de la du konstruo-partoj ĉe la kunvenado montriĝis nur ekstreme malgrava, nome 20 cm en la horizontala kaj 2,80 m en

la vertikala direkto.

Dum la konstruado de la tunelo preskaŭ nevenkeblaj malfacilaĵoj ĉiam denove aperis. Jen la temperaturo leviĝis en la galerioj ĝis ne-tolerebla varmego, jen laboriloj puŝis kontraŭ en perfide mola kaj disfalema ŝtonaĵo per tia nemezurebla amaso, ke la monto ruiniĝis.

Influis malvarmaj kaj varmaj fontoj simile al furiozaj montriveretoj en la koridorojn, kiuj tiel pene estas konstruitaj, kaj ili minacis detrui la tutan laboron.

Laŭ takso oni devis esti pretaj en novembro 1903 per la traborado de la tunelo, sed, sed konsiderante la progresojn en la unua tempo, oni opiniis, ke la interkominikiĝo de ambaŭ koridoroj estos preta pli frue, sed kiam la laboro al la norda flanko estis progresinta ĝis la sesa kilometro, la temperaturo subite komencis plialtiĝi ĝis ne-atendita alteco. Anstataŭ la 36 aŭ 37 gradoj Celcius, kiujn oni atendis ĉe la sepa kilometro, oni trovis tie 45 ĝis 46 gradojn, kaj 500 m pli malproksime jam 53 gradojn kaj ŝajne la varmego ankoraŭ pli altiĝos.

La alkonduko de malvarma aero jam ne ebligis la daŭrigon de la laboroj, kaj nur per specialaj aparatoj, kiuj ŝprucis glacie malvarmegan akvon ĉe la traborlokoj, oni sukcesis garantii la daŭrigon de la laboro. En la norda galerio regis la varmego kaj en la suda parto la malaltiĝado de la ŝtonamasoj kaj la malkvietigo de la akvo estis la kaŭzo ke la laboro preskaŭ tute ekhaltis.

La premo de la monto estis senmezura; la plej fortikaj arbotrunkoj interne estis dissplititaj, dikaj feraj traboj fleksiĝis sub la premegado. Nur per la uzado de grandaj cementaj blokoj kaj la plej fortegaj feraj apogiloj por subteno de la volbo, oni sukcesis akiri sufiĉe da rezisto por la terua pezo.

La rapidege enfluanta akvo el la fontoj subakvigis la tunelon tiel, ke ĝi devis esti kanalizita kaj forkondukita per senfina peno. Proksimume 1000 litroj da akvo en unu sekundo nun ankoraŭ elfluas el la fendoj de la rokmuro al la interno de la volbo kaj forfluas tra paralelaj koridoroj.

Proksimume 1000 kunlaborantoj partoprenis al la tuneltraborado. Pli ol miliono da kubaj metroj de rubaĵo devis esti forportita el la interno de la monto. Por la bezonataj eksplodoj oni uzis pli ol 1350 tunojn da dinamito kaj proksimume 4 kilogrammilojn da eksplodaj kartoĉoj kaj 5300 km da meĉo. La nombro da bortruoj estis pli ol 4 milionoj.

Dum la plej granda akvo-fluado, kiu tute ne estis atendita kelkaj laboristoj estis ŝutkovrataj sub la disrompita ŝtonaĵo. Ili ripozas en paco sur la loko kie ili pereis en kumuna tombo, kiu situas en la Simplonmontaro, kiel la plej impona monumenta de la laboro.

La tuta laboro estas plenumita en la relative tre mallonga tempo de 6½ jaroj. La grava progreso de la tunelo-konstrua tekniko montriĝas klare, kiam oni memoras ke la malpli malfacila konstruado de la St. Gotthard-tunelo (malfermita en 1880) daŭris 8 jarojn, kaj la konstruo de la 15 km longa Mont Cenis-tunelo (finkonstruita en 1871) daŭris 13 jarojn.

C. Meijer.

# EL LA GAZETARO

Dum la jar-tago de la Asocio por Sporto kaj Distraĵoj, landa sekcio de F.I.S.A.I.C. en Nederlando, la nederlanda IFEF-sekcio (FERN) aranĝis Esperantan Ekspozicion dum kiu nia amiko Punt propagandcele paroladis kvin minutojn antaŭ 700/800 fervojistoj. Poste la adresojn de diversaj interesuloj oni notis.

Por la Utreĥta Centra Komitato prelegis nia kolego J.J. Labordus pri nia kongreso en Stokholmo. La taggazetoj * Centrum* kaj Het Nieuw Utrechts Dagblad favore raportis pri la prelego en la gazetoj aperintaj la 25/5 kaj 28/5 1956.

Krom tio la aktiva prezidanto de FERN skribis kontraŭan artikolon responde al eltrovinto de bildskribado, kiu aperis en la gazeto * Het Vrye Volk* de la 18/6 1956.

Artikoloj pri nia Stokholma kongreso aperis en * Het Vrye Volk* en Alkmaar, 23/5 1956, Alkmaarse Courant 23/5 1956, Nieuw Utrechts Dagblad 23/5 1956, Spoorkrant N.B.V. 2/6 1956 (Sindikata gazeto), kaj la ilustrita Fervoja ĵurnalo *Nieuw Spoor*. Ĉiĉio montras la aktivecon de la nederlandaj kolegoj.

En Arts Cheminots* aperis propagandcela artikolo por Esperanto, parte france, parte esperantlingve. En tiu okulfrapa artikolo oni menciis diversajn okazintaĵojn kaj montris foton pri kelkaj infandesegnaĵoj. La tre grava influo de la ĝenerala prezidanto de FISAIC, S-ro Mollion, estas klare rimarkebla en la diversaj landoj. Kune kun la sociala organizo de la Germanaj Fervojoj, kies gvidanto, S-ro Rummel, regule ĉeestas niajn kongresojn, nia movado posedas du gravajn apogilojn por la disvastigado de Esperanto inter la fervojistoj. Al ambaŭ nelacigeblaj pledantoj por Esperanto kiel Internacia Lingvo ni ŝuldas multe da danko pro la subtenado kaj helpo al ni.

Ankaŭ en Aŭstralio niaj kolegoj pligrandigis la aktivecon kaj metis la unuajn paŝojn sur novan vojon al sukcesoj. En la oficiala organo de la Aŭstralia Fervoja Unio (Victoria) de Marto 1956 aperis diklitera anonco instiganta al lernado de Esperanto por ke oni turnu sin al nia aktiva kolego kaj prezidanto de la Australia IFEF-sekcio, W.O.Sinclair Koran gratulon kaj niajn plej bonajn dezirojn al la Aŭstraliaj amikoj.

Pri la Fervojista Esperanta Feria Semajno en Vieno aperis sciigo en Heroldo No. 7 de la 1a de majo 1956. En Heroldo de la 16a de Junio aperis mallonga informo pri la okazinta IFEF-kongreso en Stokholmo.

Aldono al *Bulteno* no. 6. Augusto 1956.

# KONGRESA REGULARO

1. La IFEF-kongreso estas internacia manifestacio de la esperantistaj fervojistoj. Gi celas fortigi la dolidarecon inter fervojistoj, progresigi tiun fakan movadon kaj studi giajn problemojn.

2. La kongreso pritraktas la jarraportojn kaj la proponojn, fiksas la kotizon kaj elektas estraron, komitatojn, la lokon de la sekvanta kongreso, provizore la lokon de la postsekvanta kongreso kaj la temon por fakaj prelegoj. (ev.: la kongreso pritraktas la laustatutajn taskojn).

3. Ordinare okazas unu IFEF-kongreso en ciu jaro, se eble en majo. La kongreso devas esti invitata de la landa fervojista organizajo esperantista.

4. La kongreso decidas pri la loko de la kongresoj, la federacia estraro pri traktajojkaj laborplano, kaj interkonsente kun LKK pri la dato de la kongreso.

ORGANIZADO.

5. La kongreson organizas Loka Kongresa Komitato (LKK), elektita de la estraro de la landa IFEF-organizajo, kiu invitas la kongreson. Laueble LKK konsistu el: prezidanto, vicprezidanto, sekretario, kasisto Por kontroli la librotenadon kaj aprobila finan bilancon estu elektataj du kaskontrolantoj.

6. Ordinare okazas dum IFEF-kongreso la jenaj arangoj, organizitaj de IFEF-estraro kaj LKK kune: inauguro, laborkunsidoj, fakaj prelegoj, fakaj ekskursoj.

7. La Kongres-programon starigas LKK, interkonsente kun la federacia estraro, kiu findecidas pri gi.

8. Al la IFEF kongreso rajtas partopreni:
la anoj de IFEF kaj ties familianoj.
Esperantistoj-nefervojistoj rajtas partopreni nur se ili estas aparte invititaj de iu landa estraro au de la IFEF estraro. La nombro de la partoprenantaj nefervojistoj estu kiel eble plej malalta.
Rilate al neesperantistoj-fervojistoj ciu landa grupo limigu je tiuj personoj, kiuj versajne utilos al la movado.

9. Por publikigi la adresojn de la kongresanoj necesas la konsento de la federacia estraro.

10. LKK eldonas kongresan libron, kiu enhavu la oficialan programon, la traktajojn de la laborkunsidoj, programon por la fakaj prelegoj ktp. Se eble la kongresa libro kaj la kongresa karto kun la adreso de la logejo estu sendataj al la aligintoj, sufice frue antau la kongreso.

FINANCOJ.

11. La kongreskotizon fiksas LKK, interkonsente kun la IFEF estraro. La kotizo por familianoj, por fervojistaj lernantoj kaj por pensiuloj estas la duono de la cititaj sumoj.
Kotizon kaj rajtojn por subtenantoj fiksas LKK.
Tri semajnojn antau la kongreso LKK ne plu akceptas aligilojn.

12. Senpagaj kongreskartoj estas donataj al la federacia estraro, al honoraj membroj de IFEF, al la anoj de LKK kaj al lokaj helpantoj.

13. La anoj de la federacia estraro havas dum la kongreso senpagan tranoktejon, pagatan al la kongresa kaso.

14. En kazo de deficito rezulte de la kongreso, LKK estas respondeca pri lik vido de ciuj suldoj.

15. Plej malfrue 6 monatojn post la kongreso LKK devas prezenti al la federacia estraro revizitan finkalkulon pri ciuj spezoj de la kongreso.

FAKAJ PRELEGOJ.

16. Por altigi la kulturan kaj fakan nivelon de la kongreso, la programo enhavu fakajn prelegojn.
La fakprelegoj nur celas informi kaj progresigi la anojn de IFEF, kaj ili generale prezentu la opinion de unuarangaj fakaj eminentuloj de la koncerna lando.
Politikaj au sindikataj temoj estas malkonvenaj.
Por la arango de la fakprelegoj validas jenaj reguloj:
a. Organizado kaj gvidado de la prelegoj estas komisiataj al komisiono (rektorato), konsistana el minimume 1. membro de la federacia estraro, 1. membro de la LKK de aktuala, kaj 1. membro de la LKK de la sekvonta kongreso.
b. Ciu landa asocio rajtas proponi temojn por la venonta kongreso. La temo estas definitive elektata de la rektorato, kiu plej eble baldau anoncas gin detale en *Bulteno*.
c. La partoprenantaj landaj organizoj sendu siajn raportojn, en 4 ekzemperoj, antau la unua de decembro al la rektorato, kiu verkas referaton, elektas kompetentulon por la prelego, kaj gvidas la diskutojn post la prelego.
d. La teksto de la prelego aperas en la postkongresa numero de Bulteno. La landaj organizoj utiligu la tekston lau propra bontrovo.